

# La Amsterdama Katedro

**Informilo pri agadoj rekte ligitaj al la katedro pri Interlingvistiko kaj Esperanto ĉe la Universitato de Amsterdamo.**

Kompilas: Wim Jansen (WJ)
Aperas: en januaro, majo kaj septembro
Kiel: PDF-dosiero alkroĉita al retcirkulero
Reagu al: wimjansen@casema.nl

Numero (17) 1/2012, januaro 2012

*La Amsterdama Katedro* estas kvarmonata retbulteno, kiu informas pri ĉiuj agadoj, rekte ligitaj al la speciala katedro pri Interlingvistiko kaj Esperanto ĉe la Universitato de Amsterdamo (UvA). Por la estraroj de Internacia Esperanto-Instituto (IEI) kaj de la LA de UEA *Esperanto Nederland* ĝi estas kvazaŭ perioda raporto pri la stato de institucio, kiun ili kune financas. La bulteno direktas sin al ĉiuj interesitoj en la Esperanto-movado, kiuj trovu en la enhavo stimulon por diskonigi la ekziston kaj la rolon de la katedro, kaj ideojn por sia propra informado pri Esperanto. Ĉi tiu dokumento estis aktualigita la 27an de januaro 2012 kompare kun la versio de la 5a de oktobro 2011.

## Instruado pri interlingvistiko

En decembro finiĝis la unuasemestra kurso pri interlingvistiko, al kiu aliĝis 14 studentoj, el kiuj 13 finfine decidis ekzameniĝi. La 20an de decembro sukcese ekzameniĝis 11 studentoj. El la du nesukcesaj kandidatoj unu partoprenis la riparekzamenon de la 24a de januaro kaj tre kontentige sukcesis; la alia kandidato ne aperis kaj sekve eliminiĝis. La lasta kurso pri interlingvistiko sub mia respondeco okazos de septembro al decembro 2012. La tiam uzota versio de la kurslibro estos identa al la ĉi-jara, krom se iu spektakla novaĵo meritus mencion. Kelkaj redaktaj ŝanĝoj, tamen, troviĝos en la antaŭparolo kaj en la disponebligo de librofina indekso, kiu — aldone al la jamaj enhavtabelo kaj la listoj de tabeloj kaj figuroj — plie faciligos la traserĉon de la libro.

## Instruado de Esperanto

La 7an de februaro komenciĝos la duasemestra kurso de Esperanto, por kiu registriĝis 23 studentoj, reprezentantaj absolutan pintan nombron en la mallonga historio de tiuj ĉi kursoj, kiu naskiĝis en la akademia jaro 2006-2007. La jam kutimaj lerniloj estas la nederlandlingva versio de la rekta metodo de Stano Marček, la helplibreto *Poŝamiko* kaj la nederlanda-Esperanta vortaro de De Smedt. Krome, por la unua fojo la studentoj disponos pri okdekpaĝa akompana kurslibro, verkita de WJ, kiu enfokusigas kelkajn malfacilaĵojn de la Esperanta gramatiko kaj priskribas la vortfaradan sistemon laŭ la principoj de la Funkcia Diskurs-Gramatiko (FDG).

## Aktualaĵoj

- Finstudis per magistra laboraĵo komputil-lingvistika Andreas van Cranenburgh, brila ekzamenito pri interlingvistiko kaj pri Esperanto, kaj sekvinto de privata konversacia kurso de Esperanto ĉe WJ. Andreas akiris doktorigan postenon ĉe UvA kaj dediĉos sin

al perkomputila literatur-karakterizo sur la bazo de nederlanda romankolekto. Pli long-daŭra perspektivo de tiu programo, financata de la nederlanda Akademio de Sciencoj, estas esplori la aplikeblon de la ellaborota programaro al aliaj lingvoj. En sia prelego de la 26a de januaro (vidu sube), WJ atentigis la publikon pri la unuarigarde alloga ideo proponi por tiu dua fazo Esperanton kiel unu el la kandidataj lingvoj. Prozaĵoj ja ne mankas en Esperanto, kaj la gramatika strukturo de la lingvo estas relative facile analiz-ebla.

- **Prelego en Amsterdamo**. En la t.n. 'Speciala Prelegserio', mi prelegis en ĵaŭdo, la 26a de januaro pri la temo *Esperanto: planlingvo kaj lingvoplanado sub la lupeon*. La publika prelego en la nederlanda lingvo kun 40-50 ĉeestantoj direktis sin al interesitoj universitataj kaj eksteruniversitataj, esperantistaj kaj neesperantistaj. Ĝin enkondukis la vic-direktoro de la lingvistika esplorcentro ACLC, d-ro Rob Schoonen.
La dosiero kun la originalaj bildoj, kiuj akompanis la paroladon, estos afiŝita PPT-for-mate en edukado.net, kune kun PDF-formata esperantlingva broŝuro kun tradukoj kaj iom da interligaj tekstoj, ambaŭ libere konsulteblaj kaj elŝuteblaj.

- **Postkopenhaga rezulto: Marácz/Jansen en lingvistika konferenco**. De la 9a ĝis la 11 de majo 2012 okazos konferenco en Lunteren, organizata de la nederlanda asocio pri aplikata lingvistiko Anéla. Ene de tiu konferenco okazos kolokvo pri Internacia Komu-nikado en Eŭropo. László Marácz, kvazaŭ daŭrigante sian kopenhagan sperton, prelegos en tiu konferenco surbaze de artikolo, kiun li verkis kune kun WJ sub la titolo *Comparing ELF and Esperanto as a lingua franca for scientific communication*. Last-foje mi prezentis la resumon de lia teksto. Ĉi-foje mi donas al la legantaro la angla-lingvan resumon, kiun mi mem preparis surbaze de rapida esplorlaboro, farita ĉe aro da nederlandaj universitatoj. Ĝi skizas klaran bildon pri la senhalta disvastiĝo de la angla en la supera instruado (kaj ne nur: kun ioma amareco mi konstatas, ke mia propra resumo estas verkita en tiu sama lingvo):

**Summary**

In October-November 2011, a quick survey was held among Dutch universities concerning their language policies in teaching and in the recruitment of scientific personnel. With regard to the language issue in teaching, detailed replies were received from 7 of the 13 universities addressed.

The Dutch Law on Higher Education and Scientific Research (WHW) states, in its article 7.2.c, that as a rule Dutch shall be the language of instruction. The article is, however, so vaguely formulated that it allows universities to offer English-tought courses at a continuously increasing scale without apparently violating the law. The article is habitually referred to as the legal handle to which a general code of linguistic conduct is subordinated or as the applicable input for a dedicated teaching and examination regulation. At the moment of writing this summary (December 2011), English as a tool of instruction occupies a minority position in bachelor-level courses, but has nearly monopolized the master-level curricula.

Universities generally *express concern* with regard to the linguistic quality of their English-based courses and of their non-native English-speaking teachers. In a number of cases they also worry about adaptation problems experienced by Dutch-language students when facing the switch from their Dutch pre-bachelor environment to an English-based post-bachelor environment. Such concerns seem to be at the root of a clearly perceivable tendency to introduce more English into the bachelor curricula, which means a further

relaxation of the interpretation of the legal text, explicitely offered by some of the codes of conduct. At no point, however, it is said that such a policy does not remove or alleviate the switching pains, but simply relocates them to the transition between secondary and tertiary education.

It appears from the answers received that universities *do not express concern* with regard to:

- Adaptation problems at the interfaces between different stages of education other than from the perspective of English language competence.
- The preparation of many of their graduates for jobs in local, regional or national industries or in civil service or equivalent positions, which require a high level of written and spoken competence of Dutch.
- The risk of splitting up the working environment into scientifically and not scientifically trained employees who literally speak two different languages.
- The risk of splitting up the society as a whole along the lines of a language dichotomy, whereby the upper management level will no longer be able to clarify and justify certain far reaching decisions in the language of the citizens.
- The development of the scientific and technological terminology in Dutch, which will slow down and come to a halt because the language ceases to be used in the areas concerned. This will contribute to increasing the distance between the management level and the rest of the society.

- **Studvojaĝo**. De la 22a ĝis la 24a de februaro WJ faros studvojaĝon al la arkivo de la Internacia Esperanto-Muzeo en Vieno por esplori nombron da gramatikaj libroj kaj jar-kolektoj de malnovaj movadaj kaj fakaj revuoj. Subtenas kaj pagos la vojaĝon la esplor-centro ACLC de la universitato, por kiu WJ faras apartan studon pri la travideblo de la Esperanta gramatiko, t.e. pri la kongrueco inter la diversaj priskriboniveloj de la lingvo, precipe la interpersona/pragmatika, la semantika kaj la morfosintaksa. La konkreta stud-objekto estas la lernfacileco de la refleksivo en Esperanto.

## Publikigoj

- **(Sen)kategorieco de la Esperantaj radikoj.** Plurdekpaĝa manuskripto pri la (sen)kate-gorieco de la Esperantaj radikoj estis pozitive juĝita de tri anonimaj provlegantoj de la fakrevuo *Esperantologio/Esperanto Studies* (EES). La definitiva teksto, kun certa nombro da bonvenaj plibonigoj kaj klarigoj, sugestitaj de la provlegantoj, estas akcept-ita por publikigo en la 6a kajero de EES.

- **Pri kelkaj malfacilaĵoj en Esperanto** estas la titolo de manuskripto, lastmomente petita de kaj liverita al la redaktoro de Internacia Pedagogia Revuo (IPR) por ties unua numero en 2012. La artikolo traktas la analizojn, kiujn mi faris, uzante respondilojn de Esperanto-lingvotestoj, organizitaj en la malfruaj sesdekaj jaroj. La celo de tiu laboro estis, trovi apogon por eventuala korelacio inter la plej oftaj eraroj farataj en la Esperanta gramatiko kaj la 'travideblo' ĝuste de tiuj gramatikeroj.

## Estonteco de la katedro

La 1an de septembro 2013, okaze de la finiĝo de sia mandato, WJ forlasos la katedron. Inter-nacia Esperanto-Instituto IEI, kiu estas la jura reprezentanto de la katedro, financata de ĝi

kune kun Esperanto Nederland (la landa asocio de UEA), anoncis per letero de la 8a de julio, 2011, ke ĉe la fino de la kuranta mandato ĝi ĉesos subteni la katedran agadon.

En novembro la direktoro de CED interkonsiliĝis kun estraranoj de IEI pri la daŭrigeblo de la katedro kaj interkonsentis pri pliprofundiga kunveno en februaro. Laŭ la invito al tiu kunveno, planata por la 10a de februaro, IEI nun rifuzas partopreni en ĝi.

## La dua novaĵletero de la kuranta jaro

estos numero (18) 2/2012 kaj aperos en majo 2012, pli malpli koincide kun la fino de la Esperanto-kurso.

Wim Jansen, la 27an de januaro 2012

WJansen